# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 17/05/2014 Cent sesdekkvina eldono 17/05/2014** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

## ESPERO — nemalhavebla panaceo El pesimismo al espero

{Legu la sekvan versaĵon, unue laŭ la normala direkto kaj poste, kiam vi atingos la finon, relegu ĝin de sube supren.}




Tiuj ĉi estas niaj vivoj, samideanoj,
ni povas
pensi kiel ni volas vivi ĉi tie
sed ni havas neniun elekton krom
enprofundiĝi en la nunajn pensmanierojn
malfacile estas ŝanĝi kutimojn sed facile
vivi kiel modernaj sklavoj
plu ne estas akceptinde
vivi kun ĝojo, egaleco kaj frateco
niaj infanoj kreskas
esti apatiaj materialistoj ravitaj de markoj
finiĝis la tempo kiam ni volis

valorojn de reciproka zorgado, proksimulamo
ni disdonas premiojn, kiuj stimulas
hipokritecon, agresemon kaj egoismon
simple ni ne vidas sufiĉe klare
tio estas nia himno
kaj la espero
jam ne plu loĝas ĉi tie
cinikeco
estas nia sola maniero por pretervivi
en la nuna mondo, homa interdependeco
ne plu estas rekonata
kulturo de egoo, malŝato kaj timo
ĉirkaŭas nin ĉiuflanke
kaj etoso de koreco, konfido kaj frateco
apartenas al la pasinteco
regado de ruzo, avido kaj ekspluatado
disvastiĝas kiel epidemio kaj inundas la socion
"Amu vian proksimulon, kiel vin mem"
tiu ĉi estas la plej eluziĝita el ĉiuj kliŝoj
neniu ŝanco estas ŝanĝi ion ĉi tie
Jen ja niaj vivoj, sed ni povas renversi ilin







Klaku, aŭskultu, legu, lernu, spertiĝu.

# Re Foto en AE165 pri la retradia programo (vidu AE164)

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/2014/05/efikoj-kaj-kromefikoj-de-la-retradio.html

Mi skribas al vi pri foto de mi, kiu troviĝas senkredite kaj senklarige en la 164a numero de "Australiaj Esperantistoj" kadre de la artikolo pri Retradio, kvazaŭ ĝi estus ia stokfoto. La foto efektive temas pri Esperanta afero, sed tute ne rilatas al retradio. Vi utiligis foton de "The Language Archive," teatraĵo produktita de Outcast Productions << outcastproductions.net >> sur la insulo Whidbey (Vidbeo), en Vashingtonio, Usono. En tiu sceno mi (Ĵenja Bondelid) rolis kiel germana Esperanto-instruisto dum lingva leciono. La studento en la sceno estis

"Emma" (rolis Katie Woodzick). La fotisto estas Jim Carroll http://www.jshuimages.com
Informis AE Ĵenja Bondelid

# videokurso **Pasporto al la tuta mondo 1**

Tiu Jennifer rolis kiel Helena en la videokurso Pasporto al la tuta mondo
https://www.youtube.com/watch?v=OquSnGAKYGc



Kaj jen artikolo pri ŝi
http://blogs.transparent.com/esperanto/interactive-esperanto-theater-and-film/
Amike, Nicole

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

# 25. (la gramatiko de E.) La Voĉoj. G



La kvara Voĉo, en eŭropa lingvismo, ne estas Voĉo nek Aspekto. Ĝi nomiĝas, laŭ Kalocsay/Waringhien, la Faktitivo (en eŭropaj lingvoj oni uzas la pli bonan nomon "Kaŭzativo). Ĝi esprimiĝas per la verba Sufikso "-ig-" aŭ per la Helpverboj "lasi" kaj "igi". Same kiel la Sufikso "-iĝi", la Sufikso "-igi-" teorie aldoniĝas nur al verboj (ĉikaze transitivaj kaj netransitivaj), ĉar ĝi signifas "agi por ke alia ago okazu". Do se la alia ago estas "sidi", la vorto sidigi signifas ke oni agas tiel ke iu aŭ io sidu. Sed la Sufikso riĉe aldoniĝas al neverboj, ekz. purigi kaj profesorigi. Science oni povas klarigi tion tiel, ke "igi" aldoniĝas al la verboj "puri" kaj "profesori". Sed se ambaŭ verboj "igi-" kaj la farata ago (sidi, puri, profesori) povas havi gramatikan Objekton, ekz. "helpi", ekestas problemo de necerteco, ekz. Mi helpigas la infanon povas signifi ke mi igas la infanon helpi aŭ ke mi igas iun helpi la infanon. En tiaj kazoj, nome se estas du eblaj Objektoj, oni kutime uzas la analizan formon kun la verbo "igi": Mi igas la infanon helpi iun aŭ Mi igas iun helpi la infanon. Same "Mi igas la hundon manĝi la viandon" por "Mi manĝigas la hundon la viandon. Pli ĝusta estas, diferencigi per Voĉoj: La virino manĝigas la kokinon = igas la kokinon manĝi, kaj La virino manĝatigas la kokinon = igas la (mortan) kokinon manĝati. Proksimsemajne pli pri la Faktitivo.

* * *

Marcel Leereveld.

# Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo




kolora ŝlosilo




nigre-blanka ŝlosilo

# Ĉe Lingvaj Festivaloj

Ni devas propagandi per fordono de la senpaga Ŝlosilo.
La ĉeestantoj de lingvaj festivaloj interesiĝas pri lingvoj
La ŝlosilo montras kiel logika estas Esperanto.
Ĉu vi havas pli bonan metodon?

La Kolora Ŝlosilo havas preskaŭ la saman tekston
Sed aspektos pli alloga. Presota baldaŭ

# Poligloto Benny Lewis



Jen la amikino de Benny lernis Esperanton dum 6 tagoj.

https://www.youtube.com/watch?v=UHPC5DN4eJA

Amike, Nicole




Kara Daniel
Kiel vi fartas?
Mi ĝojas informi vin pri la konkurso de mallongaj filmoj, lanĉita de nia radio sub la oficiala aŭspicio de UEA. Kaj **la unua premio estas senpaga vojaĝo al Ĉinio, ĉiuj lingvoj estas uzeblaj.** (Mi sendis al vi emblemon kaj regularon de la konkurso.)
Mi elkore invitas vin kaj viajn amikojn partopreni en la konkurso.
Cetere, mi petas de vi diskonigi la informon al pli da samideanoj, filmfarantoj, studentoj kaj aliaj interesitoj...
Ja, mi ankaŭ esperas, ke la konkurso povos utili al la E-movado, do uzu la konkurson.
Mi pretas respondi viajn demandojn!!
Amike **goja** <perfectgoja@163.com> Sendis Daniel Kane

# Cyrille Hurstel (Unu miliono)



## Malgrandaj eltiroj el la konsiloj de Cyrille Hurstel

Plano por via varbado Mi partoprenu tiun aventuron

# Kial Androido 4 havas Klavaron por Esperanto



Jakob sukcesis meti Esperanton en la klavarojn de Androido.
Kaj ĉio komenciĝis kun kontakto inter Jakob kaj la teamo de Google.
https://www.youtube.com/watch?v=T7CnmMGkmYc&feature=player_detailpage

**INTERNACIA TAGO DE FAMILIO** Legio de Bona Volo en San-Paŭlo, Brazilo (la Patrinan Tagon en Brazilo oni festas je la tria dimanĉo de Majo)
http://www.youtube.com/watch?v=sovuYubkNxg&feature=player_embedded




## Uzu Esperantajn literojn Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ

La plej facila metodo http://esperanto.typeit.org/ sendis Brian Barker
Kreinto Tomasz P. Szynalski • https://www.facebook.com/Typeit.org

# Konsilu min, doktoro Zamenhof



Jen Esperantisto kiu provas telefoni al la Paradizo por paroli kun D-ro Zamenhof.
https://www.youtube.com/watch?v=2rjSkPVE0gE
Amike, Nicole

Liven dek prezentis, en la Urba Teatro de Arundo (Ronda), sian monologon "Konsilu min, doktoro Zamenhof", ene de la spektaklo "Vivu la teatro", organizita de Miguel Fernández por la 73a Hispana Kongreso de Esperanto. kaj 18a Andaluzia E-Kongreso.




En Darling Harbour (ĉe la konstruaĵo de la Sydney Convention Centre) estas muro kie homoj rajtas skribi tekstojn pri amikeco. En Februaro mi uzis la eblecon kaj skribis pere de kreto "Esperanto - Lingvo de la amo!".
Tuj ĉeestanto demandis min, ĉu mi skribis esperantlingve kaj kion signifas la frazo.
Multajn salutojn el Stuttgart deziras Rainer

# Cyrille Hurstel (Unu miliono)



Malgrandaj eltiroj el la konsiloj de Cyrille Hurstel

# De kie venas la vento



El la kunlaboro kun « Le Vaisseau » naskiĝis 4a filmo.
Fabien Tschudy prezentas en tiu scienca filmo “De kie venas la vento” Musklaku por spekti la videon en Youtube

https://www.youtube.com/watch?v=0tk-eap7TvE



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf;

Unu taso da senpaga kafo.

La 17an de Majo venis 6 Roger, Chris, Eunice, John, Ian, kaj Mei.

Ian Wylles iris al Esperanto Domo merkrede posttagmeze kaj komencis numeri la gastĉambrajn littukojn por helpi Margaret kaj Roger kiuj prizorgas la gastĉambron. Dankon

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La pasinta Skype estrarkunveno okazis ĵaudon, la 15-an de majo, je la 19:00(EST)

? ? ? Raportos en la venonta AE

### Vortoj de "Lernu"

FORTIKA

1. Havanta firman, rezistan, malfacile difekteblan konsiston; malfacile rompebla, difektebla, venkebla:

La fiŝfadeno estas tre fortika.

La argumentoj de lia advokato estis fortikaj.

Nia amo nin fortike ligas.

Ĉiuj ĝuis la fortikecon de liaj muskoloj.

Ilia amo ne fortikiĝos.

La organismo de la bebo estas malfortika.

Ĉu la fenestraj kovriloj estas bone alfortikigitaj?

2. Provizita je remparoj:

Ni loĝas en fortika urbo.

Dum milito estis konstruitaj multaj fortikaĵoj.

La muron necesas fortikigi, ĉar ĝi baldaŭ rompiĝos.

Malbonuloj malfortikigis la fortikaĵojn.